# tempo

Gazeto de Kroatia Esperanto Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

majo 1995

## KRAPINA - PRAHOMO





La elfosejon de tiu ĉi prasamideano vizitis kune ĉirkaŭ 70 geesperantistoj partoprenintaj la 2an MIRon en Trakošćan. Krome, ili vizitis multajn aliajn vidindaĵojn en tiu parto de Kroatio kaj ĝuis programerojn rilatajn al Esperanto kulturo. Pli detale pri la renkontiĝo legu en ĉi reviviga numero de Tempo - gazeto de KEL.

## EN ĈI TEMPO LEGU

MIRo okazis inter la 7a kaj 10a de aprilo 1995 en Trakošćan. Tiu renkontiĝo iĝas pli kaj pli multnoma. Unuan fojon, en 1994, okazinte en Kostrena apud Rijeka ĝi nomiĝis Marborda Internacia Renkontiĝo. Tiam la ĉefa temo estis novkonservativismo. Nun ĝia nomo estis Mezepoka Internacia Renkontiĝo. Marbordeco de la unua estas memkonprenebla pro la apuda marbordo. Ĉi foje la mezepoka parto de la nomo estas elektita pro la mezepoka kastelo apudanta la hotelon en kiu la renkontiĝo okazis. Dum la preparaj agadoj por la 2a MIRo oni ŝerce proponis la nomon Misdata Internacia Renkontiĝo pro tio ĉar preskaŭ ĉiuj E-revuoj kiuj ĝin anoncis skribis diversajn datojn. Malgraŭ tiuj misinformigaj kaj konfuzigaj datanoncoj la 2a MIRo tamen ĝustatempe okazis, kaj ĝin partoprenis sepdeko da esperantistoj el dek landoj. Kiel menciite la programo estis dediĉita al Esperanto-kulturo. Spomenka Štimec prelegis pri la E-kulturo el zagreba vidpunkto. El tiu vidpunkto, Zagreb ne estas nur hazarda spektanto au ordinara konzumanto de la E-kulturo, sed unu el ĝiaj veraj centroj. Vida Jerman aktoris en Varaždina teatrejo. Tie la partoprenantaro havis okazon vidi ŝian, en esperantistujo faman prezentaĵon *"Inventante ke mi sonĝas"* kaj la recitaĵon *"Izolulo"*. Zlatko Tišljar prelegis pri E-kulturo kiel parto de tutmonda kulturo kaj pri ĝiaj apartecoj. Klaus Dahmann okazigis poezian kafumadon kun kandeligita poemdeklamado. Krome en la Varaždina biblioteko estis aranĝita ekspozicio de E-literaturo.

Malpli ligite kun E-kulturo la partoprenantoj de MIRo ekskursis tra bela ĉirkaŭaĵo; vizitis apudajn mezepokan kastelon kaj lagon; estis instruitaj pri nova vivo-saniga tekniko *biodancado*; partoprenis la laborgrupon pri orientiĝado en ĉirkaŭaj arbaroj, aŭ simple iel umis laŭ propra volo.

MIRon organizas Kroatia Esperanto-Junulara Asocio (KEJA). Pro tio dum la renkontiĝo oni faris ankaŭ jarkunvenon de KEJA. Ĝin partoprenis trideko da junaj esperantistoj el Osijek, Split, Varaždin kaj Zagreb.

Venonta MIRo, laŭ vortoj de KEJA estraranoj, estos ie marborde, prefere ĉe iu adriatika insulo, kaj ĝi daŭros 4 aŭ 5 tagojn. Tempo-ĵurnalistoj el neoficialaj sed fidindaj fontoj eĉ aŭdis pri tio ke ĝia temo estos *fabeloj*.

Do, ĝis la revido ĉe tiu mondfama internacia renkontiĝo, kaj ŝajne eĉ fabela.

*Karaj geamikoj.*

*Kun plezuro mi aŭdis, ke baldaŭ reaperos via organo "Tempo". Tio sendube estas klara signo, ke Kroatia Esperanto-Ligo bone progresas sur la vojo de reaktiviĝo.*

*Jam dum mia vizito en novembro pasintjare mi konstatis, ke la vigla agado de la Esperanto-societo Bude Borjan kaj de via junulara sekcio bone aŭguras pri la evoluo de KEL. Kiel estrarano pri landa agado mi sekvas la agadon de la Landa Asocio de UEA en Kroatio kun intereso kaj simpatio. Tial mi petas vin teni min informita kaj ankaŭ informi de tempo al tempo la redaktoron de nia revuo pri okazaĵoj en la vivo de KEL. Se vi kredas ke UEA povos vin helpi per konsiloj aŭ alimaniere, bonvolu senhezite kontakti min.*

*Kun multaj bondeziroj kaj koraj salutoj*

*Ulrich Lins*
*Vicprezidanto*

*Karaj legantoj!*

*Jen en viaj manoj nova ekzemplero de Tempo. Antaŭ tri jaroj elĉerpiĝis ĉiuj financaj fontoj por eldonado kaj Tempo ĉesis aperadi, sed ĝi tamen ne estingiĝis. Kiel videble ni nun, per ĉi-numero, klopodas revivigi ĝian regulan eldonadon. Tion, unuavice, helpis la entrepreno "Zavod za platni promet" (...), kiu bonvole pagis la presadon de tiu ĉi numero. Pro tio mi tre dankas al ili. Cetere mi dankas al ĉiuj kontribuintoj por ĉi-tiu numero. Materialoj vere abundas, kaj eĉ ĉion ne eblas aperigi nun, sed restas por venontaj Tempoj.*

*Tiu ĉi enkondukletero, kaj pli forte la reapero de nia gazeto estu invito al ĉiuj intaj, antaj kaj ontaj membroj de KEL, kaj al ceteraj esperantistoj en Kroatio. Ĝi invitas al kunlaboro kun la nova KEL estraro kiu elektiĝis dum la jarkunveno la 21an de januaro 1995. La invito precipe celas novajn E-impulsojn ĉe lokaj niveloj. Tiel la estontaj Tempoj estu ozaj da informoj pri Esperanto-agado en via urbo aŭ regiono. La estraro de KEL tiucele pretas iamaniere helpi.*

*Kompreneble, ĉiuj legantoj sentu sin bonvenaj sendi al Tempo-redakcio siajn kontribuaĵojn. Estu tio informoj, sed ankaŭ tradukoj, originalaj verkoj, distraĵoj, esploradoj, bonaj ideoj aŭ ajnaj aferoj helpaj por Tempo.*

*Nur tio tenos nian gazeton regula, interesa kaj leginda.*

*Mi antaŭdankas pro via kunlaboro kaj kore salutas ĉiujn.*

*Dalibor Šeatović*

Tempo
GAZETO DE KROATIA ESPERANTO LIGO
Aperas kvar foje jare, Eldonas KEL
ISSN 0352-1583
Redakcio: Amruševa 5/1
41000 Zagreb
Tel.+385(1)42 46 60
Ret-poŝto: iivaci@oleh.srce.hr
Redaktoro: Dalibor Šeatović
Kontribuas: Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar, Ivo Borovečki, Ivan Špoljarec, Tomi Haramina, Klaus Dahmann, Richard Newsum, Zlatko Hinšt, Judita Rey Hudeček, Mea Bombardelli, Lucija Borčić, Ivica Ivaci
Perkomputile kompostas: Ivica Ivaci
Lingve korektas: Maja Tišljar
Presas: TTMgraf, Drinska 8, Zagreb
Anonctarifo 1/1 paĝo 800 kn
1/2 paĝo 500 kn
1/4 paĝo 400 kn
1/8 paĝo 300 kn
malpligrandaj anoncetoj minimume 200 kn
Sur kovrilpaĝoj duoble
Abontarifo: por kvar numeroj 35 kn
unuopa numero 10 kn
por eksterlando: kvar numeroj 10 gm
unuopa numero 3 gm
oni aldonas sendokostojn
Numero 1/95 (53)
La redakcio ne respondecas pri opinioj en subskribitaj artikoloj. Senditaj materialoj ne rericeveblaj.
Redakcija ne odgovara za mišljenja u potpisanim člancima. Materijali se ne vraćaju.

# STUDENTA ESPERANTO-KLUBO

*Studenta Esperanto-Klubo fondiĝis la 16an de januaro 1957. Ĝi uzas ĉiam la samajn ejojn en Amruŝeva 5.*

**Mea Bombardelli**

Jam de longe estas tradiciaj vendredaj vesperoj en SEK. Fojfoje oni invitas neesperantistajn gastojn fari prelegojn (kutime kun lumbildoj) pri siaj vojaĝoj, hobioj aŭ simile. Sed en lastaj tempoj oftas lumbildoj de niaj anoj pri komunaj vojaĝoj al E-renkontiĝoj.

La plej granda nombro da homoj venas al la klubejo kiam okazas iu festo. Kvankam kutime ni festas naskiĝtagojn, diplomiĝojn kaj similaĵojn ni povas festi ion ajn. Ekzemple, ni festis finon de la somero. Sufiĉe sukcesa estis la maskbalo organizita antaŭ ne longe.

Kutime ni dufoje jare anoncas (per afiŝoj, radio-anoncoj kaj aliaj rimedoj) komencon de A-kurso. Foje venas inter kvindek kaj sesdek kursanoj, kaj foje nur kvin aŭ ses. Ni ĝis nun neniam sukcesis antaŭvidi ilian nombron. Laŭbezone ni organizas ankaŭ "interkurson" kaj poste B-kurson. Eble ni baldaŭ okazigos ekspresan kurson.

Inter niaj anoj troveblas pluraj tre kapablaj instruistoj, tiel ke manko de instruistoj neniam estas problemo por ni. Male, ofte oni kverelas ĉar pluraj kursgvidemuloj aliĝas por gvidi la saman kurson. Kvankam neniu el ni ĝis nun gvidis C-kurson, ni esperas okazigi ĝin ĉi-jare.

La celo de la kursoj estas (krom instrui la lingvon al la kursanoj) pligrandigi la nombron de la klubanoj. Ni klopodas dekomence enigi la kursanojn en la kluban vivon, t.e. ni volas ke ili konatiĝu kun aliaj klubanoj krom la instruisto, vizitu la klubejon, k.t.p. Unu el la manieroj por tio estas okazigi kurson vendrede, antaŭ la kluba vespero.

Krom la kursojn, la klubo organizas diversajn aliajn aktivecojn. La plej konata estas la drama grupo de SEK. Ĝin foje invitas alilandaj organizantoj de E-renkontiĝoj por ke ĝi tie prezentu siajn teatraĵojn. Dum la pasinta jaro ĝi preparis kaj prezentis du prezentaĵojn. Dum la unua MIR-o ili prezentis la teatraĵon "Nevidebla Leonardo" kaj dum MEJS la kabaredon "Porko sed Animo".

La klubo (re)komencis eldoni sian informilon. Ĝis nun ni praktikas ke unu homo (volontulo) redaktu po unu numeron. Ĝi nomiĝas Koboldo kaj laŭ anonco skribita en la unua numero: "eldonkvanto: kelkaj, respondecas: neniu, aperas: fojfoje... " Ĝis nun du numeroj aperis kaj oni kredas ke la tria baldaŭ aperos.

La kluba vivo funkcias ankaŭ ekster la vendredaj vesperoj. Okazas komunaj ekskursoj (montmigradoj), tablo-tenisumado, vizitoj al ekspozicioj, k.t.p.

Antaŭ ne longe okazis jarĉef-kunveno de SEK. Ni priparolis la ĝisnunan agadon kaj diskutis pri planoj por la estonteco. La nove elektita estraro baldaŭ havis kunsidon dum kiu ili disdividis la taskojn kaj priparolis la proponojn aŭditajn dum la jarĉefkunveno. Unu el la proponoj estis okazigi internacian renkontiĝon en Zagrebo aŭ ĝia ĉirkaŭaĵo.

Ĉe ni oftas gastoj el aliaj landoj. Por anoncitaj gastoj ni trovas gastigantojn. En tiaj okazoj ni kutime kune "zorgas" pri la gastoj.

Ankaŭ niaj anoj multe vojaĝas kaj pasintjare ni partoprenis en diversaj renkontiĝoj. Mi menciu nur tiujn kiujn partoprenis pli ol dek SEK-anoj: IJF, MEJS, MKR kaj IS.

# JARKUNVENO DE KFES

*Mardon, la 14an de marto okazis regula jarkunveno de Kroatia Ferfojista Esperanto-Societo (KFES).*

**Zlatko Hinšt**

La jarkunveno estis aranĝita en la ejoj de Direkcio de Kroataj Fervojoj en Zagreb. Signife estas akcenti jubileon de fervojista Esperanto-movado en nia lando kaj pli larĝe en ĉi-tiu parto de Eŭropo. Nome, antaŭ 70 jaroj aperis unua fervojista Esperanto-societo, pli precize la 30an de aprilo 1925. Bedaŭrinde, la societo ekzistis nur kelkajn jarojn, sed grave estas ke el ĝi devenas kelkaj signifaj membroj de E-movado inter fervojistoj (J. Zupanič, Lj. Prebil, I. Puhalo). Ni rememorigas al tiu okazo en solena parto de la jarkunveno. Okaze de tio, la jarkunvenon ĉeestis honora prezidanto de Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj (IFEF) s-ro Joachin Giessner.




La jarkunvenon malfermis prezidantino de KFES s-ino Marica Brletić. Salutparolis prezidanto de Kroata Esperantista Unuiĝo Radenko Milošević, sekretario de Kroatia Esperanto-Ligo Dalibor Šeatović kaj reprezetanto de Esperanto Societo "Bude Borjan" Nedjeljko Korasić. Sekvis diversaj raportoj. Raporton pri la agado en la jaro 1994. legis vicprezidanto de KFES Zlatko Hinšt kaj poste sekvis raportoj de: kasisto, gvidanto de la turisma sekcio kaj gvidanto de la biblioteko. Dum la jarkunveno oni elektis novan estraron de KFES kiel sekvas:

M. Brletić, prezidantino
Z. Hinšt, vicprezidanto
N. Palković, kasistino
A. Pezolirc, sekretariino.

Post la oficiala parto de la jarkunveno nia gasto s-ro Giessner okazigis specialan programon - lumbilditan prelegon pri IFEF kongresoj en iama Jugoslavio (Rijeka, Maribor, Skopje). Sekvis eta bankedo por ĉirkaŭ 50 membroj kaj gastoj de la societo. Same kiel pasintjare, en la ejo de Direkcio de Kroataj Fervojoj estis aranĝita ekspozicio de presaĵoj (libretoj) el IFEF-kongresoj.

# EL LA HISTORIO DE ESPERANTO EN ISTRIO

Ivo Borovečki

Istrio estas jam preskaŭ tri mil jarojn renkontejo de pluraj popoloj kaj lingvoj. Inter la plej konataj menciindas histroj, liburnoj, romianoj kaj ĉe la okcidento apudis ilin venetoj kaj keltoj. Jam en la sepa jarcento alvenis Istrion ankaŭ slavaj gentoj. Diversaj ŝtatoj elprovadis en Istrio sian potencon: Romo, Bizanco, Venecio, Francio, Aŭstro-Hungario kaj Italio. Dank' al la kontraŭfaŝisma batalo de siaj popoloj, Istrio liberiĝis kaj unuiĝis kun Kroatio en 1943. Dum pluraj jarcentoj kunvivas en Istrio tri kulturaj rondoj: la slava (kroata kaj slovena), la romana kaj la ĝermana. Krome oni ne forgesu ke ĝuste Istrio estis la lulilo de la plej malnova kroata literatura lingvo, la ĉakava, kaj la ĉefa trezorejo de glagolico.

Necesus longtempa pristudado de dokumentoj, gazetoj, protokoloj kaj biografioj por verki fidindan kaj objektivan historion de nia movado en Istrio. Tial mi priparolos nur la ĉefajn okazaĵojn kaj personojn ligitajn kun Esperanto en Istrio.

Nur dank' al la bonega kaj tre dokumentita verko de ĵurnalisto Rade Škalamera el Rijeka, ni scias ke la unua kroata esperantisto en Istrio estis la juna studento Metodio Brajša el Pazin, filo de la plej konata istria komponisto Matko Brajša Rašan. Li estis studento de filozofio en Vieno kaj tie ellernis Esperanton. En la pariza internacia revuo "La Revuo" Metodio Brajša aperigis en 1909 artikolon okaze de la morto de la kroata poeto S. S. Kranjčević. Bedaŭrinde Metodio mortis en Triesto havante nur 21 jarojn.

Hodiaŭ, skribante ĉi tiun artikolon, mi telefonis al la fratino de Metodio Brajša, 90-jaraĝa operkantistino, kaj ŝi bone rememoris la entuziasmon de sia frato por Esperanto.

Komence de la jarcento laboris kiel profesoro en la Pazina Gimnazio konata istria esperantisto prof. Fran Novljan, kiu dum pluraj jardekoj aktivis kiel fervora esperantisto en diversaj kroatiaj urboj. En sia 97-a jaro li skribis al mi, interesiĝante pri la ebleco de presado de sia lernolibro en Pula. En 1909 verkis tre favoran artikolon pri Esperanto Giuseppina Martinuzzi, instruistino el Labin, la unua socialistino en Istrio. Tiu ĉi artikolo reaperis antaŭ dudeko da jaroj en ŝia biografio.

Meze de la pasinta jarcento Pula iĝis la ĉefa milithaveno de la aŭstra imperio. Ekde tiam en la haveno de Pula svarmis diversaj militŝipoj havantaj plejparte diversnacian maristaron. Dum la unua mondmilito okazis Esperanto-kurso sur la batalŝipo "Zrinyi" kion atestas tre bona fotografaĵo el 1918.

Komence de 1950 aktivis en Pula advokato d-ro Ante Gropuzzo, konata esperantisto kiu esperantistigis sian tutan familion. Nada Gropuzzo kaj ŝia fratino Maša estis tre aktivaj en Zagrebo, dum Ivo Gropuzzo aktivis en Rijeka, kie li mortis.

La unua esperantista societo en Pula fondiĝis komence de 1952. La societon fondis dekkvar samideanoj kaj kiel unua prezidanto elektiĝis S. Stojnić, eksprezidanto de Internacia Fervojista Asocio Esperantista. Dum iom pli ol dudek jaroj la societo vigle aktivis organizante kursojn, prelegojn, ekspoziciojn kaj publikajn aranĝojn. Aparte grava estis la partopreno de ĝiaj membroj dum la 18-a landa kongreso en Rijeka (1964), kiam la societo en Pula organizis tre sukcesan artvesperon.

Komence de 1967 "La Adriatika Stelo" en Pula organizis internacian esperantistan simpozion pri turismo. En 1968 la societo kunhelpis la organizon de sukcesplena Teatra Festivalo en Esperanto en Pula. Dum la sesdekaj kaj komence de la sepdekaj jaroj okazis en Pula pluraj Esperanto-kursoj: en la societejo, en medicina centro, ĉe la Astronomia Societo kaj en la gimnazio. Pluraj kursoj okazis ankaŭ en la nove fondita junulara esperantista societo "Juneco".

En la katolika seminario en Pazin tre aktivis franciskana pastro prof. D-ro Teofil Velnić, unu el la plej malnovaj kroataj esperantistoj, kiu jam en 1924 eldonis gravan nacilingvan verkon "Problem međunarodnog jezika i esperanto". Plurfoje mi renkontis lin en Pazin ĝis lia morto en 1967 li restis aktiva esperantisto. Ankaŭ en gimnazio pazina okazis kursoj de Esperanto. Kelkaj izolaj esperantistoj vivas en Rovinj kaj Motovun.

Esperanto-societo "La Adriatika Stelo" meze de la sepdekaj jaroj perdis sian societejon, la anaro disiĝis kaj la antaŭa societejo fariĝis drinkejo. Post tio aktivis nur la junulara societo "Juneco".

En 1972 vizitis nian urbon granda grupo esperantista el Bologna kaj en 1983 venis al Pula kvarmembra delegacio de Ĉina Esperanto-Ligo. En 1985 gastis ĉe ni s-anino Li Yuping el la esperanto-sekcio de Radio Pekino. Krome, Istrion kaj la urbon Pula vizitis kiel turistoj pluraj esperantistoj el Germanio, Italio, Pollando, Hungario, Finnlando, Usono kaj Skotlando. La loka delegito de UEA ĉiam helpis ilin kiel gvidanto tra la urbaj vidindaĵoj. La kroatia esperantista junularo dufoje organizis siajn internaciajn seminariojn en Medulin apud Pula. En Fažana okazis internacia seminario de ILEI kun internacia ekzameno pri Esperanto. Fine de 1993 okazis en Pula Internacia Elektroteknika Simpozio dum kiu D-ro I. Borovečki prelegis pri la temo "Esperanto en kulturo, scienco kaj tekniko" kaj prof. D-ro Davor Duževič el Zagrebo parolis pri apliko de Esperanto en mezursistemoj.

Esperanto estas bone konata inter la verkistoj en Pula ĉar jam pluraj iliaj poemoj kaj prozaĵoj aperis en Esperanto en enlandaj kaj eksterlandaj revuoj. En Pula vivas ankaŭ du blindaj esperantistoj laborantaj kiel telefonistoj. Oni nepre devas mencii ankaŭ tre akivan esperantiston el Fažana Mirko Marčeta, kiu plejparte vivas en Italio sed ĉiujare vizitas sian hejmlokon kaj kontaktas lokajn esperantistojn.

Pere de Radio-stacio Pula kaj regiona gazeto "Glas Istre" la publiko estas multfoje informita pri la aktiveco de esperantistoj. Fine de la pasinta jaro "Glas Istre" publikigis tutpaĝan intervjuon pri Esperanto kaj ĝia literaturo.

Kiel oni povas konstati el la prezentitaj faktoj, preskaŭ kvardek jarojn aktivis sur la verda kampo en Istrio, kaj speciale en Pula, multaj kapablaj kaj fervoraj esperantistoj. Bedaŭrinde tiuj tagoj estas jam de longe for. Deko da maljunaj samideanoj malofte renkontiĝas, pri la junaj mi scias nenion.

Sidante en mia ĉambro kaj legante ĉiutage esperantaĵojn, mi ofte memoras pri "La Adriatika Stelo" kaj pri miaj iamaj verdaj kunbatalantoj kaj demandas min mem: Kiu daŭrigos nian laboron?

*Japana ĵurnalistino **Kikushima Kazuko** (Krizantemo), kiel gasto de Kroatia Esperanto-Ligo kaj Esperanto Societo "Bude Borjan", inter la 12a kaj 16a de marto vizitis Zagrebon. Ŝi vojaĝis tra Eŭropo esploradante pri influo de Esperanto al plivastigo de horizontoj de blinduloj. La sinjorinon oni akceptis ĉe la Zagreba urbestraro, kie estis pritraktita kultura interŝanĝo inter Zagrebo kaj Malproksima Oriento. Krizantemo, ankaŭ, vizitis zagrebajn kaj apudzagrebajn vidindaĵojn kaj faris prelegon pri*

# LA TERTREMO EN KOBE

**Dalibor Šeatović**



*s-ino Kikushima Kazuko, fotis: Tomi Haramina*

Malgraŭ la fakto ke Krizantemo ne loĝas en Kobe, sed en 100 kilometroj fora Tokio, ŝia prelego pri la tertremo menciindas. La plej granda parto de la prelego priskribis reagojn de homoj, kaj suferintaj kaj nesuferintaj pro la tertremo. Iom mirinde por japanoj, kiel la prelegantino mem diris, estis la tuja forigo de la tradicia japana malemo enmiksiĝi en najbarajn privataĵojn. Humanismo kaj solidareco venkis malnovajn kutimojn. Internajbara helpado memorganiziĝis, kaj ĉiuj zorgis pri helpo kiel tiumomente eblis. Tamen la loĝantaro de la detruita urbo, kompreneble, ne povis fari multon mem. Pro tio, el tuta Japanio, ankaŭ mirinde por la japanoj mem, ekis venadi amaso da volontuloj pretaj helpi al Kobeanoj. La trafiko en la regiono de Kobe ne funkciis, sed homoj venadis piede aŭ perbicikle, portante nur dormsakojn. Inter la volontuloj estis multego da studentoj riskantaj perdi la studjaron pro tiamaj ekzamen-periodoj. Sed ili jes venis kaj lasis tute flanke siajn devojn kaj memdisciplinon. Ankaŭ laborantaj homoj venis helpi uzante jarripozon. Tiu fenomeno, krom surpriziĝo por japanoj mem, ankaŭ iom timigis la oficialajn - ŝtatajn - helpservojn. La detruita regiono apenaŭ povis prizorgi dormlokojn kaj manĝaĵojn por sia loĝantaro kaj aperis problemo kien meti la armeon da volontuloj. Sed japanoj rapide solvis la problemon. Stariĝis iusenca reto por informfluo kiu ebligis ke el la regiono oni kolektu informojn pri aferoj certatempe bezonataj. Tiel oni povis reagi sendante nur urĝe necesajn fakulojn kaj materialojn en la urbon.

Por emfazi la mirindecon de la menciita fenomeno la prelegantino memorigis pri la tertremo en Tokio antaŭ 70 jaroj. Tiutempe japanoj mortigis ses mil koreanojn loĝintajn en la urbo tuj post la tertremo. La kruelecon kaŭzis la supozo ke la koreanoj, tiam en Japanio taksitaj preskaŭ kiel sklavoj, eluzos la ŝancon revenĝi al japanoj venenigante la akvon aŭ farante fajron en la urbo. Ĉi-foje, post la kobea tertremo, komence estis timoj ĉar tie loĝas, inter aliaj, multaj koreanoj, sed ili montriĝis senbazaj. Ĉiuj loĝantoj same helpis kaj same ricevis helpon, kaj oficialan kaj volontulan. Eĉ multego da senvizuloj - ilegalaj laborantoj el Pakistano kaj Ĉinio tie loĝantaj - ricevis saman helpon malgraŭ tio ke la ŝtato tute ne devis helpi al ili.

Nia prelegantino, pro ŝia fakintereso, menciis ankaŭ la problemojn de helpado al handikapuloj, precipe al blinduloj, post la tertremo. En Kobe loĝas ĉirkaŭ 8000 okulhandikapuloj, el kiuj 4000 tute blindaj kiuj senhelpaj ne povis rifuĝi el danĝeraj aŭ detruitaj lokoj al pli sekuraj. La organizo de blinduloj tie ege fortas kaj ili jam la venontan tagon post la tertremo ekis la helpadon. Laŭ listoj de pruntantoj el porblindulaj bibliotekoj ili serĉis kaj prizorgis blindulojn. Rapide organiziĝis servo kiu disdonadis bastonojn kaj radio-aparatojn necesajn al blinduloj kaj sekve ili ekzorgis pri novaj loĝejoj por 160 blindaj familioj kies domoj estis plene detruitaj kaj por 80 familioj kies domoj estis parte detruitaj. Komparante kun aliaj handikapuloj rimarkindas ke surdula organizo ekfunkciis tri aŭ kvar tagojn post la tertremo, kaj la ĝenerala asocio de handikapuloj reagis nur tri semajnojn poste.

## BOMBARDO EN ZAGREBO

Entute neatendite, kiam ĉiuj materialoj por Tempo jam estas pretaj, nian gazeton eniras informo pri ankoraŭ unu detruado. Nome la civila loĝantaro de urboj Novska, Pakrac, Karlovac, Sisak, Dubrovnik, Zagreb kaj Ĵupanja travivis dum lastaj tagoj (2a kaj 3a de majo) plurajn terorismajn atakojn. Sur Zagreb, kie situas la redaktejo de Tempo falis dudeko da rakedoj. Unuan tagon tio okazis je la 10:30 antaŭtagmeze, kiam la bomboj faladis sur kelkajn lokojn en la urbo ĉirkaŭ ĝia strikta centro. La sekvantan tagon serbaj teroristoj tagmeze pafis Kroatian Nacian Teatrejon kaj la apudan infanan malsanulejon. Dum la atakoj al Zagreb mortis 6 niaj samurbanoj kaj estis vunditaj ĉirkaŭ 200. Preskaŭ same estis en aliaj menciitaj urboj. Atakita estis nur civila loĝantaro, kiel terorisma venĝo pro milita malvenko en la regiono de Okcidenta Slavonio kiun nun denove kontrolas kroata registaro.

**D.Š.**

# SPOMENKA DENOVE PREMIITA

Zlatko Tišljar

Malfacilas skribi pri personoj tiel longe kaj tiel proksime ligitaj kiel estis Spomenka Štimec kaj mi. Ni interkonatiĝis kiel membroj de Studenta Esperanto-Klubo en Zagrebo kaj nia unua kuna pli grava agado estis la lanĉo kaj organizo de la Unua Pupteatra Internacia Festivalo en



1968. Kiam en 1972 estis fondita Internacia Kultura Servo, la fondintoj kaj profesiaj laborantoj en ĝi de la unua tago estis Spomenka kaj mi. Daŭris tio 20 jarojn, dum kiuj ni ne nur kune laboris profesie sed ni ankaŭ edukis kaj subtenis multajn gejunulojn en ĉiuspecaj iniciatoj. Spomenka zorgis ĉefe pri arto. Komence ŝi estis sekretarino de la Pupteatra Festivalo ĝis la jaro 1988[a] kaj bone intimiĝis kun la puparto pri kiu ŝi ne nur organize okupiĝis sed ankaŭ skribis artikolojn, vizitis alilandajn festivalojn, seminariojn pri la puparto, konatiĝis kun multaj pupfakuloj. Ŝia fajna sento pri la arto ĝenerale antaŭkondiĉis por akiro de profundaj fakaj konoj tiukampe.

Ŝia fruaĝa rilato al instruado kaj lernantoj (ja ŝia patrino estis instruistino) kaŭzis ke ŝi de komenco (ankoraŭ en studentaj tagoj) gvidis kursojn de Esperanto kaj tion daŭre faris poste por ĉiuj generacioj de elementlernejaj infanoj ĝis pensiuloj. Kaj ŝia eksterordinara sento pri respondeco postulis de ŝi sindonemon pro kiu ŝi dum jaroj restis eĉ private en skribaj kaj aliaj kontaktoj kun multaj el ŝiaj lernantoj. Ne estas do hazardo ke ŝi estis unu el la kolonoj de la 4-membra teamo kiu kreis la lernolibron de Esperanto de la t.n. Zagreba metodo (kune kun R. Imbert, I. Špoljarec kaj Z. Tišljar), lernolibron kun grandega sukceso, ĉar ĝi estis adaptita al pli ol 20 lingvoj ĉie tra la mondo. Tiukampe ŝi poste aŭtoris ankaŭ la daŭrigan ekzercolibron "Esperanto ne estas nur lingvo".

Spomenka estas ne nur tre erudicia, fajnsenta intelektulo, sed ankaŭ tre kapabla en diversaj publikaj agadoj. Fininte studojn de la germana kaj franca lingvoj kaj literaturoj ŝi okupiĝis de tempo al tempo ankaŭ pri lingva interpretado kun tre bona sukceso. Ŝi multfoje prezentis diversajn temojn en televidaj kaj radiaj elsendoj, skribis multajn artikolojn sed ankaŭ longajn felietonojn en tagĵurnaloj, radio kaj porinfanaj revuoj de Zagrebo sed ankaŭ dise tra la monda Esperanto gazetaro, do kroatlingve kaj esperante. Tiusence ŝi gajnis kelkajn ĵurnalismajn premiojn en Zagrebo. Ŝi estas unu el la malmultaj Esperanto-verkistoj kiu verkas same bone en la gepatra nacia lingvo kaj publike agas ne nur inter esperantistoj sed ankaŭ en sia nacia medio.

Ŝiaj skribaj rilatoj al pluraj kulturhomoj de la nacilingva kaj internacilingva literatura elito estos verŝajne en la estonto aparta ĉapitro de ŝia arta kaj humanisma kreado.

Pro ŝiaj multaj vojaĝoj, kaŭzitaj de ŝia instrua kapablo kaj verkado, ŝi ekkonis la spiriton de homoj ĉie tra la mondo. Ŝiaj mondvagadoj komenciĝis en sepdekaj jaroj kiam ŝi estis sekretariino de TEJO kongresoj kaj daŭris poste en iom pli longaj restadoj en Japanio, Koreio, Ĉinio kaj Usono kaj multaj aliaj malpli longaj tra landoj de Eŭropo.

Tial la baza karakterizo de la prozo de Spomenka Štimec estas ke ŝi vidas la tutecon de la mondo, la valoron de la diversnacieco kaj diversraseco. Ŝi ne estas nacia verkisto, ŝi estas humanista literaturkreanto kiu gloras la homon kie ajn sur la terglobo. Ŝi estas verkisto kiu komprenas la profundon de la homara diverseco. Ŝia vojaĝpriskribo de Japanio mirigas la japanojn, ŝiaj noveloj en "Geografio de miaj memoroj" parolas kun amo pri ĉiuj el la prezentitaj landoj kaj regionoj de Svedio ĝis Sardinio, de Koreujo ĝis Albanio nevidita. Kaj la romano "Ombro sur interna pejzaĝo" parolas pri dilemoj de homparo el du kulturoj, pri la timo: ĉu la diversecoj estas tro grandaj por ke ilia kuneco daŭru, aŭ la kaŭzo de neevitebla disiĝo estas simple homa. La rakontrimedo de Spomenka, Internacia Lingvo, estas ne hazarde ŝia esprimilo al kiu ŝi enamiĝis jam en sia mezlerneja aĝo, sed ankaŭ la nura ebla esprimilo de ŝia supernacia, tutmonda filozofio, ŝia bezono pledi por la kunestado de ĉiuj mondaj mozaikeroj.

Ŝia unua aperigita libro

estis kroatlingva porjunulara rakontaro Daria (1975) aperigita sub la pseŭdonimo Darija Simić. Sekvis multaj mallongaj prozaĵoj dise tra Esperanto-revuoj kie oni jam povis vidi profundsentan kaj aparta-karakteran verkistinon. Sed kiam en 1984 aperis la romano "Ombro sur interna pejzaĝo", estis klare ke la esperanta literaturo ricevis novan grandan talenton, novan verkistinon (ja ankaŭ en la E-literaturo virinoj estas maloftaj). La mondon ekvidis moderna 20-jarcenta ina "Penoj de juna Werther", verko en kiu ankoraŭ pli ol en antaŭaj verkoj elstaris ŝia nekredebla kapablo belege ornami detalojn. Abundo de barokece brilaj detaloj. Ŝi kapablas en ĉiu folieto, ĉiu manmovo, ĉiu okulumo vidi ĉielarkan ŝprucon de la beleco kaj scias tiujn siajn bildojn transporti en literaturajn juvelojn.

Kaj tion ŝi poste modlis en pluraj ŝiaj verkoj ŝammajstre. En ŝiaj vojaĝpriskriboj, en ŝiaj etrakontoj, en sia socia prozo. Sendube la historia sorto de Balkano, sur kiu ŝi ankoraŭ vivas, devis sigeli ŝiajn novajn verkaĵojn, tiel ke la lasta libro "Kroata milita noktlibro" (1993) jam estas grava literatura atestanto de la kroatia historio el la vidpunkto de monda humanisto nun vojaĝanta tra la suferetoso de tiu vundita Eŭropero. Mi ne dubas ke en la estonto ŝiaj verkoj estos bazo por filmscenaroj pri la homaj sortoj en tiu balkana kaoso. Spomenka iom post iom kreskas al la vortartisto de monda kalibro kion atestas jam nun multnombraj tradukoj. Ŝi verkas originale en Esperanto, sed aperis unuopaj noveloj en deko da lingvoj kaj kelkaj libroj en la japana, ĉina, germana....

Necesas aldoni ke ŝi verkis ankaŭ dramojn kiuj estis prezentitaj en teatra formo: "Gastamo" kaj "Verda majo".

En 1994. estis premiita ŝia tutviva laboro por Esperanto. Ŝi dividis ĉefpremion de fondaĵo FAME en Germanio kun Heroldo de Esperanto por la kontribuo al la E-kulturo.

Ŝia graveco en originala Esperanto-literaturo estas konfirmata ne nur de multaj laŭdaj recenzoj sed ankaŭ de envicigo de ŝiaj verkoj en la antologiaj libroj kiel "Trezoro" (prozantologio de centjara E-literaturo) kaj kelkaj aliaj, kiuj difinas la eternulojn.

**ŜIAJ VERKOJ EN ESPERANTO:**
*Ombro sur interna pejzaĝo*, Edistudio Pisa, 1984
*Ombro sur interna pejzaĝo*, brajloskribe, 1991
*Tibor Sekelj - biografia eseo*, Pro Esperanto Vieno, 1989
*Nesenditaj leteroj el Japanio*, Hukuoka, 1990
*Vojaĝo al disiĝo*, HEA Budapeŝto, 1990
*Geografio de miaj memoroj*, Pro Esperanto Vieno, 1991
*Kroata milita noktlibro*, Pro Esperanto Vieno, 1993

**BIOGRAFIAJ INDIKOJ:**
Spomenka Štimec naskiĝis en 1949 en norda Kroatio. Ŝi diplomiĝis pri lingvoj germana kaj franca en la Filozofia Fakultato de Zagrebo. Ŝi enposteniĝis en 1972 en Internacia Kultura Servo en Zagrebo kie ŝi ligis Esperanton al ŝia kultura agado ĝis 1994. Nun ŝi laboras en Malajzia Ambasadejo en Zagrebo. Ŝi esperantistiĝis en gimnaziaj jaroj en Varaždin kaj literature debutis en 1975 kroatlingve per la libro "Darija".

# REELDONOJ DE LA VERKOJ DE SPOMENKA ŠTIMEC

Japana esperantisto Mori Singo kiu eldonis verkojn de Spomenka Štimec en Japanio anoncis la 3an eldonon de "Nesenditaj leteroj el Japanio" en Esperanto. Per ĝi la eldonkvanto de la libreto atingas 2200 ekzemplerojn. La eldonisto planas okaze de la 3ª eldono donaci ekzempleron al ĉiu partoprenanto de Kyusyua Esperanto-Kongreso en Nagasaki.

Krom tri eldonoj en Esperanto, la libro estis eldonita en la japana kaj la ĉina lingvoj respektive en Hukuoka kaj Harbin. Antaŭ ol aperi en Esperanto la teksto de "Nesenditaj leteroj el Japanio" unue estis publikigita en la Sveda gazeto "Elektrikern" svedilngve.

Viena eldonisto Herbert Mayer (Pro Esperanto) anoncis represon de la eseo de Spomenka Štimec "Tibor Sekelj - pioniro de la 2ª jarcento" ĉar la unua eldono el 1989 elĉerpiĝis.

Itala eldonisto Bruĉjo Casini (Edistudio, Pisa) planas reeldoni "Ombron sur interna pejzaĝo", romanon, kiu aperis en 1984. kaj en la pasinta jardeko eniris la liston de signifaj verkoj de la originala Esperanto-literaturo. (Reprezentita interalie en "La trezoro", antologio de la originala Esperanto-literaturo).

"Kroata milita noktlibro", kiu aperis en Vieno en Esperanto en 1993. kaj samjare en la japana traduko, en 1994. aperis en la germana, en Paderborn ĉe Ferdinand Schoeningh. Intertempe aperis ankaŭ la surbendigita eldono: la aŭtorino voĉlegis el la libro. La kolekto de 3 kasetoj fariĝis surbaze de la mendo de Itala Esperantista Blindulligo kaj estas mendebla ankaŭ per aliaj libroservoj. Spomenka Štimec aktuale verkas prozon, kies labortitolo estas "Tena - folioj por Mezeŭropo" kaj traktas kun "Pro Esperanto" en Vieno pri eldono.

# InterTEMPO

***Sekvas la artikolo de homo kiu intertempe, dum neapertempo de Tempo, zorgis pri eldonado de gazeto kiu almenaŭ unu parton de sia nomo ŝuldas al Tempo. La gazeto estas InterTEMPO, kaj la homo estas***

**Richard Newsum - Rick**

Kiam KEJA fariĝis la kroatia landa asocio de TEJO en 1992, oni postulis ke ni regule sendu iun informilon al la centra oficejo. Oni ne postulis ion grandiozan, sufiĉas ke ni sciigu TEJOn pri tio, kion ni faras en Kroatio.

Nu, kion fari? Ĉirkaŭe en la klubejo ni vidis plurajn ekzemplerojn de diversaj numeroj de gazeto kiu nomiĝas Tempo, sed ŝajne ĝi ĉesis aperi - la lasta numero aperis en 1992 kaj ekde tiam neniu alia gazeto aŭ informilo eldoniĝis ĉe ni. Ni revivigu Tempon! - estis la unua ideo. Sed, baldaŭ montriĝis ke mankas mono, sperto kaj organiza forto necesaj por krei ion tiom kvalitan. Tamen, ni devis aperigi informilon, kaj se iu kolektas informojn la rezulto estu iom pli ol simpla listo de eventoj kaj malinteresaj raportoj. La teknika nivelo ne tro gravu sed almenaŭ materialo estu interesa, amuza, vigla, utila, ktp.

### Naskiĝo

Tial decidiĝis ke naskiĝos... kio naskiĝos? Kelkaj nom-proponoj aŭdiĝis, preskaŭ ĉiuj rilataj al Tempo: Tempeto, Tempido, Intertempe... sed la decido favoris InterTEMPON, kaj Tempo reviviĝu kiam ni denove kapablos ĝin bonkvalite produkti.

Nu ja, la decido estis tie sed ĝi postulis artikolojn kaj redaktoron. En la komenca entuziasmado multaj KEJA-anoj promesis ion verki, dum mi pro malnovaj lernejaj spertaĉoj protestis ke mi ne kapablas verki, sed mi pretas enkomputiligi la tekstojn kaj prepari la tuton por fotokopiado. Tiel mi fariĝis la kompostisto de InterTEMPO.

### Problemoj

Ĉiam estas problemoj. Eble duono de la laboro celas superi ilin. La unua el la problemoj estas ke kelkaj kunlaborantoj promesas artilolon, kaj poste atendigas min... kaj atendigas... Alia problemo, teknika, temas pri litergrandeco. Ekde la komenco ni havas esperantan litertipon, sed ĝis nun mankis koresponda litertipo kun la kroataj supersignaj literoj. Rezulte mi ne povis tutlibere elekti la litergrandecon kaj tial la literoj estas kutime (laŭ mia opinio) aŭ tro grandaj aŭ tro malgrandaj. Mankas tempo. Ne nur la gazeto! Ĉiufoje ĝis nun mi ne sukcesis finprepari ĉion ĝis la celdato, kaj fine tro haste laboradis. Rezulte ĉiu numero aperis en du versioj, la dua kun malpli da fuŝoj ol la unua.

### Progreso

Intertempe, iom post iom mi lernas pli kaj pli pri kio eblas per komputila programo kiun mi uzas. Tial la 4ª numero jam aspektas teknike multe pli bone ol la 1ª. Kompreneble, ankaŭ la enhavo, numeron post numero, pliboniĝas.

### Spertoj

Laŭ mi la celgrupo de InterTEMPO estas junaj E-istoj en Kroatio, aliaj E-istoj en Kroatio kiuj interesiĝas pri junularaj aferoj kaj eksterlandaj E-istoj kiuj interesiĝas pri Kroatio. Tamen, mi ricevis kritikon ke ĝi estas tro esotera. Nu, estas facile verki pri si mem, por si mem sed pli taŭgas paroli kun si mem en la banĉambro ol eldoni tiun gazeton, ĉu ne? Do ni ĉiam klopodu ke la artikoloj estu interesaj kaj kompreneblaj ankaŭ por tiuj kiuj ne konas nin persone. Mi deziras prezenti impresojn de eksterlandanoj pri Kroatio, kaj ĝis nun mi aperigis du artikolojn pri vizito al Zagrebo. La verkinto de la menciitaj artikoloj iĝis nun tiom ofta vizitanto al Kroatio ke estus sensence peti ke li verku ion pri specifa vizito. Do mi ĉasos aliajn eblajn viktimojn.

La legantaro de ĝisnunaj IToj certe rimarkis ke mi ne tre ŝatas rubrikojn. Aperas ĉiufoje enigmo, la iomete klaĉeca Mallonge, kaj la eventlisto, sed krome mi ne emas enklasigi la artikolojn.

### Deziroj

Mi deziras ke InterTEMPO fariĝu malferma forumo por diskutoj. Se iu deziras ion sciigi al la E-istaro, precipe al la junularo, tiu verku artikolon por IT. Sekve, aliaj reagu kaj respondu pere de IT. Kompreneble ĝi estas oficiala gazeto de KEJA, sed por ke ĝi estu tio ne sufiĉas nur ĝin tiel nomi.

### Duboj

Tamen estas ŝajne iom da dubo pri kiom longe IT plu vivos. Antaŭ ne longe mi petis artikolon de iu, kiu responde konstatis ke InterTEMPO ĉesos ĉar Tempo denove ekaperos. Kompreneble mi deziras pli forte ol aliaj ke IT ne malaperu, ĝuste pro tio ĉar mi tiom multe dediĉis al ĝi. Kial, entute, malaperigu gazeton nur pro tio ke alia gazeto aperas? Nu dum oni verkas materialon por IT, ĝi daŭre aperu. Mi jam havas sufiĉajn artikolojn por la 5a numero, do ĝi pretiĝu kaj eldoniĝu.

### Salutoj

Mi feliĉe salutas la novan Tempon, sed ne kiel murdiston de IT. Nur poste ni vidos ĉu ni povas kaj emas regule eldoni du gazetojn en Zagrebo, kaj ĉu tio indas.

# LIBROSERVO

Krom ke ĝi estas lingvo, esperanto estas ankaŭ movado, pensmaniero, vivstilo... Ne eblas precize difini esperanton. Ĉiukaze, tiu umo havas sian kulturon, tre specifan en la hodiaŭa mondo. Kaj, ĉar Esperanto antaŭ ĉio tamen estas lingvo, tiu kulturo baziĝas sur vorto.

Bonŝance, pri tiu fakto konscias ankaŭ la nova estraro de Kroatia Esperanto Ligo, kiu enkadre de la revivigo de kara KEL decidis fondi libroservon.

# AKTUALA ESPERANTO KULTURO EN KROATIO

Spomenka Štimec

***Kroatio dum multaj jaroj estis vigla pulsejo de Esperanto-kulturo. Estas interese ke Zagreb havas jardekojn longan tradicion pri Esperanto teatro. Ĉuste en Zagreb ĝermis kaj kreskis Internacia Esperanto-Teatro kiun gvidis Zlata kaj Srđan Flego, en Zagreb ekde 1968 ĝis hodiaŭ okazas* Pupteatra Internacia Festivalo. *Tute specife pli ol du jardekojn en Zagreb aktivas pri teatro en Esperanto zagreba aktorino Vida Jerman.***

Tute apartan historion de Esperanta kulturo en Zagreb kreis funkciado de Internacia Kultura Servo (IKS), kiu en la lasta tempo grandigis la nacilingvajn programojn kaj konsidere malgrandigis la Esperantajn. En 1994 IKS transformiĝis al ŝtata kultura instanco. Internacie konataj zagrebaj esperantistoj Zlatko Tišljar - Pajo, Judita Rey Hudeček kaj Spomenka Štimec forlasis IKS. Zlatko Tišljar fondis Interkulturon en Maribor (Slovenio) kiu donas interesajn impulsojn al la internacia Esperanto Movado.

Pri aktivecoj de Judita Rey kaj Spomenka Štimec legeblas aliloke en tiu ĉi numero.

Zagreb estis signifa urbo pri internacia Esperanto-eldonado. Estas agrable scii ke ankaŭ dum la lastaj militaj jaroj la verkado en Esperanto ne estingiĝis en Zagreb.

**Novaj libroj:**

**BILDSTRIO *ASTERIKS***

Kroata eldonejo IZVORI (Fontoj), kies posedanto estas Damir Mikuličić, zagreba ĵurnalisto, eldonis en Esperanto en 1994 novan volumon de konata bildstria rolulo ASTERIKS LA GAULO. La titolo de la volumo estas *Asteriks la gladiatoro*

Esperantistoj konas la eldoniston Damir Mikuličić kiel aŭtoron de sciencfikcia novelaro *"O"* kiu aperis en Esperanto-traduko de Jovan Žarković. Multaj aŭskultantoj de Esperanto-elsendoj de Radio Zagreb memoras lian voĉon, li dum jaroj estis anoncisto de la zagrebaj Esperanto-elsendoj. Kvankam mem esperantisto, Mikuličić ne tradukis Asterikson persone. La tradukon prizorgis Nedjeljko Korasić. La eldonisto Mikuličić anoncas por Esperanto-merkato pliajn volumojn de la gaja Asterikso, Obelikso, Malmuzikso kaj aliaj el la kliko, se montriĝos intereso.

La prezo de la volumo estas 16 GM. Ĉiuj prezentitaj verkoj estas mendeblaj ĉe Libroservo de KEL, pri kio ankoraŭ aliloke ĉi-numere.

**MI RESANIGIS PPPETRON**

Germana eldonejo ZM gvidata de naturkuracisto Harald Schicke, kies eldonaĵo *Homa Korpo* furoris inter la plej vendataj Esperanto-libroj, nun eldonis verkon pri balbutado. Aŭtoro estas zagreba ĵurnalisto Pero Čimbur, kiu en la libro prezentas proprajn spertojn pri venkado de balbutado. Antaŭ ol aperi en Esperanto en flua traduko de Lucija Borčić la libro aperis en du kroataj eldonoj.

Komunikado, kara temo de esperantistoj jen ĉi foje aperas en Esperanto en laŭvorta traktado. Aparta valoro de la libro estas ke ĝi, surbaze de unuopula sperto prezentas kuraĝigilon por tiuj kiuj ne kuraĝis alfronti la problemon de balbutado.

# EKFUNKCIIS

La afero ne haltis ĉe la decido. Nome, la libroservo komencis funkcii antaŭ kelkaj semajnoj en oficiala ejo de KEL, kaj nuntempe disponas pri kvardeko da titoloj kiuj estas troveblaj sur la librolisto presita ankaŭ en ĉi tiu numero de *Tempo*. La libroj tuj haveblaj varias de verko de s-ro Zamenhof mem - *Esenco kaj estonteco de la ideo de Lingvo Internacia* ĝis la plej novaj libroj, ekz. brila prelegaro de la scienca simpozio pri esperanto - *Aktoj de scienca simpozio "Esperanto - 100 jara"*, aŭ poemaro de juna aŭstra verkistino Sigrun Krampl *Misgvidaj ĝardenoj de l'sopiro* tradukita de same juna Maja Tišljar. Certe ĉi tie menciindas popularega bildstrio *Asteriks gladiatoro* aŭ ĉiam bezonataj kaj nun finfine riceveblaj vortaroj de Marinko Gjivoje. Menciindas ankaŭ multaj aliaj verkoj (ekz. tiuj de Spomenka Štimec, antologioj ktp.) sed por ne ŝteli tro da spaco mi finas pri nombrado de titoloj atentigante vin ke post kelkaj monatoj prepariĝos mallonga informaro pri ĉiuj libroj haveblaj ĉe la libroservo. Kompreneble, iu ajn esperanta libro (ne nur iu el tiuj troviĝantaj sur la librolisto) estas mendebla ĉe KEL-librosevo. Oni promesas rapidan kaj kvalitan servon - bonvolu tion ekzameni ĉe la konata adreso de Kroatia Esperanto Ligo: Amruševa 5/I, 41000 Zagreb, Kroatio. Al la sama adreso la libroservistoj volonte akceptus viajn konsilojn, laŭdojn, mallaŭdojn aŭ iun ajn komenton kiu helpus al la bona funkciado de la libroservo.

T.H.

# INTERVJUO: LUCIJA BORČIĆ



*"Poezio estas io inter beno kaj kuntreno", Lucija Borčić komencis sian poemeton "Poezio". Jen sonas la kredas-mi-o de unu el la plej aktivaj esperantaj tradukistoj hodiaŭaj (Legu ankaŭ la recenzon de la ĵus aperinta tradukaĵo ŝia "Mi resanigis PPPetron", p.9). Lerninte la Internacian Lingvon antaŭ kaj dum la dua mondmilito, ŝi instruadis dum pluraj jardekoj tutajn generaciojn de esperantistoj en Zagrebo kaj aktivadis en loka, respublika kaj internacia niveloj.*
*Ĉi-TEMPe ŝin intervjuas Klaus Dahman.*

**T: Lucija, vi esperantistiĝis en turbulenta tempo. Kiel vin kaptis la "verda ideo"?**
LB: Mi fakte venis al la movado per mia patro. Ante vizitis kursojn en mia tiama hejmurbo Split kaj poste, en 1940 en Zagreb. En 1946, dum mi feriis ĉemare, mia patro aligis min al la Nacia Bulgara Kongreso en Asenovgrad apud Plovdiv, kien mi vojaĝis kun sep samklubanoj. Oni ĵetas la katon en la akvon kaj ĝi naĝas, tiel ankaŭ mi ekparolis.
**T: Kiu estis via unua UEA-kongreso?**
LB: Mi ĉeestis jam la unuan postmilitan UK-n en Bern (Svislando), kie mi troviĝis en societo kun J. Baghy kaj K. Kalocsay. Ilin mi ekkonis kiel simplajn kaj simpatiajn homojn, ne sciante ankoraŭ pri iliaj literaturaj kvalitoj. Poste min entuziasmigis Kalocsay, interalie per siaj mirindaj aliteracioj, kaj mi parkerigis liajn poeziaĵojn kun granda ĝuo.
**T: Kio plej fascinis vin pri la Internacia Lingvo?**
LB: Unuavice estis lingva intereso - mi ĉiam estis inklina al lingvoj, kaj kompreneble Esperanto ĉarmigis min. Tiutempe ni estis kelkopo da lingvemuloj en la klubo kaj ni havis lingvajn prelegojn, ne nur pri E-o, sed ankaŭ pri ekzemple la norvega, la hinda ktp. Mi ŝategis la societan vivon, la lingvumadon. Multaj rilatoj tie rezultis per "edzino-fino"...
**T: Kiel aspektis la movado en Zagrebo dum la unuaj postmilitaj jaroj?**
LB: Jam en 1945 mi ĉeestis la fondkunvenon de "Bude Borjan" kun I. Lapenna, I. BoroveĤki, I. RotkviĜ kaj aliaj. Ĝi tiame estis diversgeneracia, junuloj kaj pliaĝuloj renkontiĝis kune. Ni regule ekskursis al Sljeme, Samobor kaj aliaj lokoj - kaj parolis nure E-on.
**T: Dum la pasintaj jardekoj vi gvidis multajn E-kursojn, laste perfektigajn. Kiam kaj kiel vi ekinstruis?**
LB: En 1948 ni havis kurson kun pli ol 90 aliĝintoj, tiel ke oni devis duonigi ĝin - kaj subite oni anoncis MIN kiel duan instruiston! Por ĉiu leciono mi devis diligente antaŭprepariĝi, ĉar mi ne uzis lernolibron kaj instruis dekomence nure en E-o. Jam tiam mi konstatis ke necesas minimume kvarmonata instruado dufoje semajne por kovri ĉiujn gramatikaj erojn.
**T: Kio estis por vi kulmino en via agado?**
LB: Granda kulmino estis certe la organizado de UK en 1953 en Zagreb. Mi bone memoras kiam s-ro BoroveĤki, s-ro FerenĤiĜ kaj mi sidis en mia ĉambro kaj dum unu vespero preparis la proponon al UEA. La plej terura afero estis ke UEA akceptis, kaj ni do devis efektivigi la aferon! Dum la prepara fazo mi ellitiĝis matene je la 4-a por fari la librotenadon, je na 8-a iris al laboro kaj posttagmeze skribis 20-on da leteroj. Post ĉio ĉi mi vere estis elĉerpita, sed ja la kongreso tre sukcesis. Inaŭgure parolis Edmond Privat kaj Vladimir BakariĜ, la tiama prezidanto de Kroatio, kiu estis ankaŭ esperantisto. Tra la tuta urbo pendis verdaj flagoj kaj antaŭ la stacidomo staris granda kolono kun la surskribo "Bonvenon al Zagrebo" Varbiĝis multaj novaj esperantistoj pro tiu kongreso.
**T: Vi tradukis sennombrajn verkojn el la kroata literaturo al E-o. Kiuj estas viaj plej ŝatataj kroataj verkistoj?**
LB: Dum la tradukado tre proksimis al mi precipe Tin UjeviĜ, sed estas malmultaj kroataj verkistoj kiujn mi ne tradukis. Miroslav Krleža, Jure KaŜtelan, Vinko NikoliĜ, Antun ŝimuniĜ, Drago IvaniŜeviĜ... Siatempe M. Gjivoje instigis min al tradukado, sed mi nur post mia pensiiĝo komencis traduki pli intense. Komence de la 80-aj jaroj mi esperantigis verkojn de "Kroatia Poezio". Por mi ĉiam validis la diraĵo de W. Auld: "Ne estas io netradukebla".
**T: Ĉu vi tradukas nur al E-o?**
LB: En E-o mi havas tiun poezian senton, sed ne tiom en la kroata. Oni devas dinamikigi la vortojn, kiel jam diris Kalocsay, la lingvaĵo estu simpla, sed havu dinamikon, kiun oni atingu per nekutimaj vortordo kaj pensmaniero. Ankaŭ mi nepre evitas neologismojn, mi ja ne estas "ŝulcisto".
**T: Vi ankaŭ mem verkas originale. Via poemo "Artist' blua" akiris la premion "Clelia Conterno" en 1985 kaj poste aperis en diversaj literaturaj gazetoj.**
LB: Jes, de temp' al tempo mi verkas ion originale, precipe ĉe mia feridomo en PriŜĤina sur Vis. Tie ekestis "Artist' blua", "En nia golfo" kaj aliaj poemoj. Sed foje oni ankaŭ simple aŭdas ion en radio, kio asociigas al mi ion kaj tiel venas la inspiro.
**T: Kiel vi vidas la hodiaŭan movadon en Zagrebo? Oftaj plendoj en E-io ja estas ke la junulara generacio tro stultumas kaj amuziĝemas...**
LB: Sed ni estis tute samaj je tiu aĝo! Ĉe la maljunularo perdiĝas iom la kuraĝo, ĉu ne? Pro tio devas alblovi ĉiam freŝa vento. Mi nur bedaŭras ke multaj esperantistoj hodiaŭe tiom malmulte legas. Laŭ enketo kiun mi faris, montriĝis vere mizerega situacio: zagrebaj esperantistoj averaĝe posedas nur 7-8 esperantajn librojn kaj abonas 1 gazeton. Se oni tiom malmulte legas, kiel oni povas pliperfektigi sian lingvan senton, sian lingvonivelon. Por citi M. Boulton: "Al e-isto estas permesate esti komencanto, sed ne resti eterna komencanto".
**T: Mi kore dankas pro la intervjuo kaj deziras al vi ankaŭ plue multan sukceson!**

# VIDA JERMAN AKTORIS EN VARAŽDIN

En varaždina teatrejo la partoprenintoj de la 2ª MIRo spektis teatraĵon de Vida Jerman. Ŝi prezentis la monodramon "Inventante ke mi sonĝas" kaj la poemaron "Izolulo". "Vida jerman kun ŝia aktorado en Esperanto estas unika fenomeno en Esperantujo", diris Spomenka Štimec prelegінte pri E-kulturo el zagreba vidpunkto. Vida nun laŭ propraj vortoj preparas novan E-monodramon. Tio signifas ke diversaj Esperanto aranĝoj baldaŭ havos okazon pliriĉigi siajn programojn invitante faman kroatan aktorinon prezenti la novan teatraĵon.



Pri dudek jarojn daŭra Esperanto aktorado de Vida Tempo jam havas materijalojn kiuj sinsekve aperados en venontaj numeroj.

## INTERNACIA NATURKURACA ASOCIO (INA) EN KROATIO

Interesitoj pri naturkuracado certe ĝojas pro la fakto ke nia membrino, vicprezidantino de KEL, s-ino Judita Rey Hudeček fariĝis la nova ĝenerala sekretario de Internacia Naturkuraca Asocio. Tio signifas samtempe ke Kroatio, pli precize Zagrebo ekestis la nova monda centro por ĉi faka organizo. Pliaj informoj haveblaj ĉe: Judita Rey Hudeček

Trnsko 49 d

Tel/fax: +385(1)52 20 12

## APL-ADRIA RETINFORMILO (ARI)

ARI ekfunkciis dum la 1ª JAAK kiu okazis en Zagrebo, en 1994. Ĝin ĝis nun redaktis Mauro Tauzzi sed dum la 2ª MIRo la honoran laboron de ĉefredaktoro transprenis nia samretano Vladimir Kamenski kiu jam preparis la novan, 4ªⁿ numeron de ARI. En ĝi troveblas plej freŝaj informoj pri E-umado en la Alp-Adria regiono.

Se vi deziras scii pli pri ARI bv. turni vin al:

kamenski@cirus.dhz.hr

## MEMBRIĜU AL UEA

Ĉu vi dum kelkaj jaroj ne renovigis vian membrecon en UEA, aŭ vi nun planas membriĝi?

Eble vi eĉ ne scias multon pri tutmonda Esperanto organizo, sed volus havi informojn.

Por ĉiuj pliaj informoj, konsiloj aŭ helpoj turnu vin al Ivan Špoljarec, ĉefdelegito de UEA por Kroatio. Krome, ĉe li oni povas mendi Esperanto-gazetojn de UEA, aŭ TEJO.

Kontakteblas: Ivan ŠPOLJAREC
Voćarska 28 C, 41000 Zagreb.
Telefono: 01/45 05 45 (hejme),
01/69 25 74 (oficeja)

## KROATAJ BAZLERNEJANOJ EN FRANCIO

Inter la 22ª kaj 29ª de aprilo 1995 kvin lernantoj de zagreba bazlernejo *"Mladost"* partoprenis internacian E-kurson en kastelo Gresillon en Francio. Tiuj zagrebanoj jam lernis la Internacian Lingvon en sia lernejo kaj por ili estis facile komuniki kaj kunlabori kun ceteraj partoprenantoj de la kurso.

"Forigo de limoj, amikeco, paco" estas kelkaj el la mesaĝoj de tiu internacia porinfana aranĝo.

La infanojn al Francio gvidis Marija Jerković kaj Alice Stepinac, iliaj instruistinoj.

# AKTIVULA TREJNSEMINARIO

**por junaj aktivuloj en meza kaj orienta Eŭropo**

Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) organizos kunlabore kun KEJA aktivulan trejnseminarion inter la 15a kaj 27a de aŭgusto 1995 en Hraščina Trgovišće. Celgrupo de tiu trejnseminario estas junaj aktivuloj (18 ĝis 25 jaroj) el mez- kaj orienteŭropaj landoj.

La seminario formas gravan eron de la aktuala programo de TEJO, plifortigi kaj stabiligi strukture la junularan movadon en Eŭropo reage al la novaj socipolitikaj evoluoj. Tiel ĝi bazas sin sur la lasttempe ekfunkciintaj kunlaboraj ĉeloj MEJK (Mez-Eŭropa Junulara Konferenco) kaj JAAK (Junulara Alp-Adria Konferenco), kiuj subtenas la iniciaton kaj helpas trovi taŭgajn kandidatojn por partopreni.

La programo enhavos prelegojn, laborgrupojn kaj simulajn ludojn, tuŝante ĉiujn erojn de E-movada agado en loka, nacia kaj internacia niveloj. Kiel bazon ĝi provizos la partoprenantojn per informoj pri Esperantaj historio, movado kaj kulturo kaj donos la eblecon perfektigi siajn lingvosciojn. La ĉefa parto inkluzivos enkondukon en laborteknikojn, organizadon, lingvoinstruadon, rilatadon kun amaskomunikiloj, subvencipetadojn, informan agadon, administradon, librotenadon, gazetfaradon ktp. Aldone al tio la partoprenontoj evoluigos siajn personajn kapablojn pri prelegado, motivigo, teama laborado ks.,tiel atingante pli efikan kaj profesinivelan asocian agadon.

Se vi deziras per mondonaco (100 kunoj) kontribui al la iniciato kaj subvencii unu el la du aŭ tri kroataj partoprenontoj, bv. vin rekte turni al: KEJA, Slavica Babinka - Aktivula Trejnseminario - Amruševa 5/I, 41000 Zagreb. Ni jam nun kore antaŭdankas kaj certigas al vi fruktodonan investon.

Se vi deziras pliajn informojn, turnu vin al: Klaus Dahmann (estrarano de TEJO pri Landa Agado kaj Aktivula Trejnado) c/o Eŭropa Junulara Esperanto-Oficejo, Rheinweg 15, D-53113 Bonn, Germanio.

Organiza teamo: Spomenka Štimec (KEL), Klaus Dahmann (TEJO), Slavica Babinka (KEJA).

librolisto de la

# LIBROSERVO

Kroatia Esperanto Ligo, Amruševa 5/I, HR-41000 Zagreb

| | | |
|---|---|---|
| A. & B. Strugackij | Malfacilas esti dio | 15,00 gld |
| antologio | Rumana antologio | 9,00 gld |
| antologio | Kroatia poezio | 24,00 gld |
| diversaj aŭtoroj | Kroatia esperanta poemaro | 11,50 gld |
| diversaj aŭtoroj | Osamljenik / Izolulo | 19,00 gld |
| Boris Pahor | Pilgrimanto inter ombroj | 15,00 gld |
| Branimir Šćepanović | Buŝo plena je tero | 17,00 gld |
| Claude Piron | La kisa malsano | 12,00 gld |
| Damir Mikuličić | "O" - kaj aliaj rakontoj | 12,00 gld |
| diversaj aŭtoroj | Aktoj (de scienca simpozio E-100 jara) | 38,50 gld |
| Giorgio Silfer | La spegulo de Velodajo | 12,00 gld |
| Goscinny & Uderzo | Asteriks gladiatoro | 16,80 gld |
| Hindrik J. Bulthuis | Inferio | 24,00 gld |
| István Nemere | Krokize de mia ĵardeno | 18,20 gld |
| István Nemere | La blinda birdo | 15,00 gld |
| Ivo Andrić | Sonĝo kaj maldormo sub la karpeneto | 8,00 gld |
| J. F. Cooper & R. Imbert | La sentimulo | 9,00 gld |
| Joža Horvat | Wakajtapu | 10,00 gld |
| Ludvik L. Zamenhof | Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia | 6,00 gld |
| Luc De Brabandere | Infoduktoj | 19,50 gld |
| Marinko Gjivoje | Vortaro esperanto-kroata | 22,50 gld |
| Marinko Gjivoje | Vortaro kroata-esperanto | 27,00 gld |
| Marinko Gjivoje | Vortaro esperanto-kroata & kroata-esperanto | 45,00 gld |
| M. A. Rohrbach | Paco en ŝtormo | 21,80 gld |
| Marjorie Boulton | Esperantska književnost - jedinstven fenomen | 10,00 gld |
| Mikaelo Bronŝtejn | Legendoj pri SEJM | 6,00 gld |
| Miroslav Krleža | Rande de l' prudento | 20,00 gld |
| Phil Bosmans | Ŝanco por feliĉo | 19,80 gld |
| Sigrun Krampl | Misgvidaj ĝardenoj de l' sopiro | 9,00 gld |
| Spomenka Štimec | Esperanto ne estas nur lingvo | 4,50 gld |
| Spomenka Štimec | Geografio de miaj memoroj | 33,00 gld |
| Spomenka Štimec | Kroata milita noktlibro | 30,00 gld |
| Spomenka Štimec | Nesenditaj leteroj el Japanio | 12,00 gld |
| Spomenka Štimec | Vojaĝo al disiĝo | 12,00 gld |
| Stefan Maul | Enkonduko en la arton skribi | 2,30 gld |
| Tibor Sekelj | Premiitaj kaj aliaj noveloj | 7,00 gld |
| Tone Partljič | Mi volis tuŝi la sunon | 9,00 gld |
| Vladimir Varankin | Metropoliteno | 36,00 gld |
| Zlatko Tišljar | Duobla spiralo | 19,50 gld |
| ☺ | Ŝercoj | 3,00 gld |
| ☺ | Aforismoj | 7,40 gld |
| ☺ | Anekdotoj pri famaj homoj | 6,00 gld |

La prezoj estas en nederlandaj guldenoj, sed la libroj estes pageblaj, kompreneble, ankaŭ per aliaj valutoj. Pri diversaj rabatoj por aĉetantoj ene de Kroatio, aŭ por aĉeto de pli granda kvanto de la libroj bv. kontakti nin.
Al la prezoj indikitaj aldonendas 10% por la sendokostoj se oni volas ricevi libron perpoŝte.
Bonan legadon deziras al vi

LIBROSERVO

de Kroatia Esperanto Ligo